ISSN (papere): 1647-6980
ĉiu revuo: 10 € - 6 numeroj: 48 € - novembro 2011 - n-ro 26



# La Karavelo

internacia kultura magazino en esperanto

# En la 26-a L.K.







lakaravelo@gmail.com

**Adreso**
Dr. João José Santos
Rua Damasceno Monteiro,
21-B, r/c dto.
1170-109 Lisboa – Portugal


**Noto**
Kontaktu La Karavelon nur per retpoŝto.
Uzu la fizikan adreson nur por sendo de varoj.
Ne uzu aliajn komuniksistemojn.

---


**ISSN (papera)** 1647-6980
**ISSN (DVD)** 1647-6999
**ISSN (reta)** 1647-3353

**Leĝa Depono en “Biblioteca Nacional de Portugal”**
301472/09


**Papera versio**
1 revuo: 10 € + sendokostoj
6 revuoj (abono): 48 €
(senpagaj sendokostoj por abono)

---


***Stabo de La Karavelo***
Cindy McKee (US) 🕮✍
Geraldo Mattos (BR) 🕮
Gerrit Berveling (NL) 🕮
João José Santos (PT) 🕮✍
Luiza Carol (IS) 🕮✍
Paulo Sergio Viana (BR) 🕮✍
Roberto Ribeiro (BR) 🕮
Roger Gotardi (BR) 🕮✍
Valentin Melnikov (RU) 🕮✍

🕮 - verkas aŭ tradukas
✍ - revizias aŭ iel kunlaboras

***Fondis, direktas, redaktas, kompostas***
João José Santos (Portugalio)



www.lakaravelo.net
www.lakaravelo.co.cc
www.linguainternacional.co.cc



# Katalogo

| verko | aŭtoro | lingvo | prezo | poŝto |
|---|---|---|---|---|
| **Magazino *La Karavelo***<br>24 p., A4, kuŝepapero, tute kolora<br>ĉiu ekzemplero -><br>abono de 6 ekzempleroj * -><br>**Antikvaj numeroj de LK**<br>volumo 1 (01-6) -><br>volumo 2 (07-12) -><br>volumo 3 (13-19) -><br>volumoj 1-2-3 * -> | Kunlaboras ĉirkaŭ 15 homoj el multaj landoj. Konsultu la kolofonon de la lasta numero de La Karavelo. | esperanto | <br><br>10,00 €<br>48,00 €<br><br>23,00 €<br>23,00 €<br>23,00 €<br>46,00 € | <br><br>(a)<br>(*)<br><br>(a)<br>(a)<br>(a)<br>(*) |
| ***Esperanto em 30 horas***<br>Lernolibro de esperanto por portugallingvaj e-komencantoj. 25 lecionoj, Vortareto Esperanto-Portugala, Vortareto Portugala-Esperanto, Gramatika Gvidilo, Aneksoj. 300 p., blankenigra. | João José Santos | portugala<br>esperanto | 25,00 € | (a) |
| ***O esperanto é fixe!***<br>Lernolibro de esperanto por portugallingvaj e-komencantoj. Por junuloj, 48 p., kolora. | João José Santos | portugala<br>esperanto | 11,00 € | (a) |
| ***Zamenhof, um cidadão do mundo***<br>DVD-dokumentario pri la vivo de Zamenhof.<br>Proksimume 60 minutoj. | Djalma Pessata | portugala | 18,00 € | (a) |
| ***Rakontoj por ĉiuj aĝoj***<br>Libro kun 26 rakontoj en facila esperanto. 146 p. | Luiza Carol | esperanto | 16,00 € | (a) |
| ***Liberaj tempoj***<br>Novelo pri unu tago en la vivo de manlaboristo. 124 p. | Eduardo Novembro | esperanto | 16,00 € | (a) |
| ***La ĝenerala asembleo***<br>Komeditragedio pri du malsamaj konceptoj pri esperanto-asocioj. 48 p. | João José Santos | esperanto | 11,00 € | (a) |
| ***Aŭtodafeo*** **Honora Mencio - Belartaj Konkursoj - UEA 2011**<br>Komeditragedio pri diktatorecaj teniĝoj. 40 p. | João José Santos | esperanto | 11,00 € | (a) |
| ***Identeco kaj ĉeesto de Kamilo Kastelo Branko en "El la lando de la lumo"***<br>Spiritisma eseo. 160 p. | João José Santos | esperanto<br>portugala<br>(dulingva) | 16,00 € | (a) |



























| SENDOKOSTOJ | | | |
|---|---|---|---|
| | **Portugalio** | **Eŭropa Unio** | **Aliaj landoj** |
| **(a)** aldonu: | 3,00 € | 5,00 € | 6,00 € |
| ***** LK donacas la sendokostojn rilate la varojn signitajn per *****. | | | |

## NOTOJ
## atentu ĉi tiujn informojn: pri iu ajn miso responsas la aĉetanto

**1.** Mendu aŭ informiĝu per: lakaravelo@gmail.com
**2.** La kompleta pago (kun sendokostoj) okazas antaŭ ol la sendo.
**3.** Se ekzistos krompagoj (al banko aŭ aliaj), ili estas de la responso de la kliento.
**4.** LK ricevas monon nur en la valuto eŭro (€).
**5.** La pago okazas laŭ la jenaj manieroj: UEA-konto, bankĝiro, persone permone.
**6.** Pago per UEA-konto. Ĝiru al la UEA-konto: jmqs-l (João José Santos)
**7.** Por pagi per bankoĝiro, ĝiru al la jena bankokonto:
**Banko:** Crédito Agrícola (**BIC:** CCCMPTPL) **Nomo:** Dr. João José Santos
**NIB** (se via banko estas en Portugalio): 0045.6170.40212689964.07
**IBAN** (se via banko estas ekster Portugalio): PT50.0045.6170.4021.2689.9640.7
**8.** Rabatoj laŭ kvanto: ≥ 5 egalaj varoj -> 20% **/** ≥ 15 egalaj varoj -> 30%








João José Santos
joaojosesantos@gmail.com

# La ventoj de la kara velo

## Enkonduko

Tre ofte la esperantismaj projektoj dependas de la vivcirkonstancoj de siaj entreprenantoj, kiuj penas daŭrigi ilin. En tia stato troviĝas La Karavelo. Ĉu tiel vi povas kompreni, ke la unua numero de 2011 aperas nur en novembro? Morto de familianoj, maldungeco, monaj problemoj, i.a., spitis la klopodojn de ĉi tiu redaktisto. Kompreneble abonantoj perdos nenion, ĉar ili abonas por 6 numeroj. Do ili ricevos 6 numerojn de LK, se ne en unu jaro, en du jaroj.

Kio novas? Kio ŝanĝiĝis? Kien surfos la karaj veloj?

## Nova logotipo

Atenta leganto certe jam rimarkis, ke LK uzas nun alian logotipon. Ĝi estas grafika kreaĵo de la redaktisto mem por uzado en ĉiuj publikigaĵoj de LK: en la magazino, en la libroj, en la katalogoj, en la nova retejo, en ĉemizetoj, ktp. Jen ĝi:




Mi ĝin faris uzante proksimume la oran proporcion, laŭ kiu $\varphi$=1,618..., uzitan en multaj majstroverkoj kiel Partenono, kaj trovitan en la naturo mem. Do, espereble, la nova logotipo donos agrablan estetikan elegantecon al niaj publikigaĵoj.

Ekde longe La Karavelo ofte uzas la ruĝon kaj la bluon. Oni povas diri nun, ke tiuj estas la koloroj de La Karavelo. Konscie ĝi fuĝis de la kombino ruĝverda, ĉar ĝi ne intencas doni ideon pri portugaleco. Ĝi fuĝis ankaŭ el kombino flavverda, kiu aperas en la flagoj de diversaj portugallingvaj landoj. Finfine, La Karavelo ne volas esti markata de koloroj, kiuj povus erare subkomprenigi, ke ĝi perigas landan kulturon, ĉar ĝi estas internacia magazino. La elekto de bluruĝa kombino okazis nur pro estetika kaŭzo, sen iu ajn simbola motivo. Tia kombino forte kaj agrable impresas la sencumojn, laŭ la plaĉo de la redaktisto. Ĉi tiu kolorkombino, la bluruĝa, rememorigas pri la flagaj koloroj de aliaj landoj, sed tia koincido estas ja neevitebla.

Maldekstre, en la nova logotipo, staras ruĝa **L**. Interne de la blua velo imponas fortika futurisma **K**, kies horizontalaj strekoj donas impreson de movo. Tiu **L**, vidata laŭ alia perspektivo, donas impreson de ruĝa velo iom videbla malantaŭ blua velo. La blua horizontala streko, sub la veloj, ankaŭ havas duvaloran sencon. Kelkaj unue vidos en ĝi la marsurfacon, aliaj vidos unue la suban parton de velŝipo. Intence la konturoj ne estas perfektaj, ĉar LK ne povus strebi al la perfekteco, kiu estas dieca. Ni kontentiĝas per la ekscelenco.

## Komercaj decidoj

La Karavelo malmulte vendas siajn varojn, bedaŭrinde. Laŭ trijara sperto, emas la esperantistoj al ĉi tiu aĉeteca konduto:

1. Malmultaj aĉetas esperantajn librojn;

2. pdf-dosierojn entute oni ne aĉetas;

3. kelkaj aĉetas kaj abonas, sed malmulte;

4. ekzistas jam starigitaj ekonomiaj interesoj en esperantujo, kiuj malfaciligas la kreskon de nova eldonejo; oni esperus, ke la esperantistoj agu kiel kolegoj, sed en multaj okazoj, oni ne deziras la sukceson de novaj esperanto-entreprenoj; la esperantaj rilatoj, escepte de noblaj kaj raraj okazoj, baziĝas sur kapitalismeca sistemo;

5. multaj esperantistoj ne aĉetas sed legas pdf-dosierojn;

6. kelkaj konfesas ne kapabli legi grandajn tekstojn surekrane, sed ili, eĉ tiel, aĉetas malmultajn librojn;

7. kelkaj atendas donacojn por legi la librojn, sed ili ne aĉetas ilin;

8. Kelkaj emas al piratkopiado de verkoj, ĉar laŭ ili, ĉio en esperanto devus okazi senpage; do, laŭ ili, verkistoj estas iliaj sklavoj;

9. multaj esperantistoj eĉ ne scias kion fari por ĝiri monon cele al aĉetado de libro en alia lando;

10. la bankoj kaj la poŝtoj postulas tro da mono por siaj servoj altigante la prezon de la libroj;

11. tre bedaŭrinde, la delegita servo de UEA ne estas sufiĉe vaste uzata, multaj ne konas ĝin kaj malmultaj ĝin uzas.

Konklude, eta entrepreno alfrontas tiom da obstakloj, ke ĝi ne havas komercan intereson por iu ajn. Fakte, La Karavelo plu ekzistas pro kultura obstino kaj strebo esperantisma de sia kreinto.

En tiaj cirkonstancoj, La Karavelo komerce funkcios laŭ la jena sistemo:

1. Ĉiuj eldonoj aperos komplete en pdf-dosieroj por senpaga legado surekrane; tiuj pdf-dosieroj ne estas printeblaj;

2. escepto al la antaŭa regulo estas, ke la lernolibro portugallingva *O esperanto é fixe!* estas printebla blankenigre;

3. sekve, LK ne vendos pdf-dosierojn;

4. LK vendos siajn varojn laŭ prezoj kaj sistemo informataj en la 3-a paĝo de ĉiu numero de la magazino.

LK presigas siajn librojn laŭmende, en malmultaj kvantoj, kaj do la presejoj ne povas oferti bonajn prezojn. Tamen, LK plu insistas en la kvalito de siaj verkoj, en la atento al reviziado kaj al ĉio, kio prestiĝu sian nomon, la nomojn de siaj kunlaborantoj kaj la nomon de nia lingvo.

Nepagivaj homoj tiel povas legi surekrane la pdf-dosierojn. Tiuj, kiuj povas aĉeti, pagos la librojn laŭ la justaj prezoj.

Kelkaj esperantistoj jam senhonte asertis, ke niaj magazinoj kaj libroj estas tro kostaj. Tiuj homoj ne komprenas, ke eĉ se ili aĉetus esperantan libron per alta kosto, ili devus dankegi la verkiston kaj la eldonejon, kiuj kapablis baki kaj aperigi la libron. Efektive, eĉ vendante la librojn por justa prezo, La Karavelo perdigas monon al sia proprietulo.

## Abono kaj prezo de La Karavelo

En 2011 certe ne aperos la planitaj ses numeroj, do la abonoj estas validaj ĝis kiam la abonanto ricevos ses numerojn. La lasta el tiu aro de ses numeroj certe aperos en 2012.

Ĉi tiu situacio ŝanĝis la manieron aboni La Karavelon. Ekde nun, la abonanto ne abonos por la jaro en kiu li estas, sed por la proksimaj ses numeroj. Tio estas, en iu ajn monato eblos aboni nian revuon, kaj la abonanto ricevos la proksimajn ses numerojn, eĉ se ili apartenas al du jaroj.

La abonprezo ne ŝanĝiĝis: por ses numeroj, la abonanto pagas 48,00 eŭrojn. LK donacas la sendokostojn. Tamen, la aĉeto de unu ekzemplero kostas nun 10,00 eŭrojn plus sendokostojn.

## Honora Mencio en Belartaj Konkursoj de UEA 2011 - Novaj libroj

Sen emo al konkursoj, la redaktisto de LK ĉijare unuafoje partoprenis en la Belartaj Konkursoj de UEA. La dramo *Aŭtodafeo* ricevis Honoran Mencion. Tiun tragedikomedion LK ĵus eldonis. Informiĝu sur la 3-a paĝo de ĉi tiu numero.

Aperis ankaŭ alia verko: *Identeco kaj ĉeesto de Kamilo Kastelo Branko en la verko "El la lando de la lumo"*, de João José Santos. Temas pri spiritisma eseo dulingva portugala-esperanta.

La eldono de la traduko de *Mesaĝo*, de la fama poemo Fernando Pesoo, aperos espereble en 2012. Tiu traduko aperis sinsekve en numeroj de La Karavelo. La tradukisto, João José Santos, devas nun ĝin poluri kaj eldoni en libroformo.

* * *

La kara velo plu karavelas insiste kaj persiste, ĉar ĝin blovas ventoj zamenhofaj.

⋆



**Gerrit Berveling**
trad. el la Latina kaj notis

# La Nuptokritikanta[1] aŭ La Geedzeco

***Deziderio Erasmo el Roterdamo***[2]

**Eŭlalia kaj Ksantipa**

**Eŭlalia:** Saluton, bonan tagon, mia plej kara Ksantipa.

**Ksantipa:** Saluton ankaŭ al vi, karega Eŭlalia. Vi ŝajnas al mi pli bela ol kutime.

**Eŭlalia:** Ĉu tiel vi bonvenigas min, per ŝercaĵo!?

**Ksantipa:** Tute ne; sed tiun impreson mi havas.

**Eŭlalia:** Eble mia nova robo pli vidigas mian belon.

**Ksantipa:** Vi pravas. Delonge mi nenion pli elegantan trafis. Mi kredas ke estas Brita ŝtofo.

**Eŭlalia:** La lano estas Brita, sed Venezia la tinkturo.

**Ksantipa:** Ĝia delikateco superas batiston. Kiel brila purpur-koloro! De kie vi ricevis tiun donacon?

**Eŭlalia:** De kiu povus akcepti deca matrono, krom de la edzo!?

**Ksantipa:** Ho feliĉulino, ke tian edzon vi havas! Prefere mi estus edzino de fungo ol de mia Nikolao.

**Eŭlalia:** Kio, mi petas! Ĉu jam tiel rapide vi havas problemojn!?

**Ksantipa:** Kun iu tia neniu povas vivi. Vi scias kiajn ĉifonojn mi portas; tiel li lasas sian edzinon iri surstrate! Ho, mi mortu, se mi ne hontas aperi publike, kiam mi vidas kiel bele zorgitaj estas aliaj virinoj, kiuj edziniĝis al homoj malpli riĉaj.

[1] Greklingve en la originalo.
[2] Parto de verkata *Antologio Latina* volumo 11.

## *Colloquia Familiaria* (lat.)

En 2011 oni festas la 500-an datrevenon de *Laŭdo de l' Stulteco* de Erasmo (1466?-1536). Fakuloj ankoraŭ ne interkonsentas pri lia naskiĝojaro. Li probable estis la plej fama Humanisto de sia generacio. Humanismo por li estis flegi la tradicion por la estonteco: se citi la moton de ĵusa kamer-opera festivalo en Zwolle, kie loĝas la tradukinto: *tradicio ne estas flegi la cindrojn sed pludoni la fajron*. Kaj tion certe faris Erasmo multrilate. Por li kristanismo estis unu el la gravaj flankoj de l' Eŭropa tradicio.

Okaze de tiu 500-jariĝo, ankaŭ en la Centra Oficejo de UEA oni honorigis Erasmon. En majo, okaze de prelego mia pri li, aperis nova tradukaĵo mia de tri Erasmo-tekstoj: *Antaŭparoloj al la Nova Testamento*. En 1516 aperis ja lia dulingva eldono de la Nova Testamento – la unua *presita* eldono iam ajn aperinta pri tiu plej influa verko. Baldaŭ helpe de la Erasmo-eldono sekvis nacilingvaj tradukoj, ĉu nur pri la Nova Testamento, ĉu pri la tuta Biblio.

Sed ne nur en tiu afero Erasmo estis tre influa: li estis multrilate la unua furora aŭtoro de la tutnova eltrovaĵo: *presarto.* Ekzemple, foje li verkis dialogojn por iom instrui junulojn uzi bonan stilon en la Latina – tiuepoke *la* internacia lingvo de l' kleruloj. Okazis pirata eldono kun sufiĉe multe da preseraroj en ĝi – Erasmo sin venĝis prizorgante multege pli sukcesan, pli ampleksan eldonon de tiaj dialogoj. Kaj jaro post jaro la verko fariĝis pli ampleksa – lia *Colloquia Familiaria* ĉiam ankoraŭ famas. Pri ĝi aperis ankaŭ multaj tradukoj nacilingvaj – parte kaj tutece. Ĉar li ja ne limigis sin je stilistika ekzercado por junuloj. Li enkondukis ĉiaspecajn seriozajn temojn en la dialogojn. Foje li traktas pri la demando, ĉu virinoj ricevu seriozan edukon (lia respondo: kompreneble ke jes! *), alifoje li traktas pri la temo de "vera kristanismo", pri virinaj rajtoj, pri edukado, pri teologiaj diskutoj, pri misa agado de monaĥoj, k.t.p., k.t.p.

Erasmo estas nepre leginda, laŭ mia opinio. Ĉi-foje ni prezentas parton de diskuto inter du amikinoj.

GB

* Vidu en *Sennacieca revuo 2011* de SAT, p. 29-36.

**Eŭlalia:** La vera ornamo de la virino ne estas ŝiaj roboj aŭ korpa zorgado, kiel instruas nin la apostolo Petro[3] (antaŭ nelonge mi aŭdis tion en prediko), sed en ĉasteco kaj pudoro, en spiritaj ornamaĵoj. Putinojn honoras okuloj de multaj. Ni estas sufiĉe flegataj, se ni plaĉas al nur la edzo.

**Ksantipa:** Sed intertempe tiu bela edzo, tiel ŝparema fronte al la edzino, disŝutas la monon de la doto, el kiu li ricevis sufiĉe de mi!

**Eŭlalia:** Kiamaniere!?

**Ksantipa:** Laŭplaĉe: per vino, putinoj kaj hazardludo.

**Eŭlalia:** Bele!

**Ksantipa:** Jes, sed tiel estas! Krome, se mezanokte ebria li hejmenvenas, kiam longtempe mi atendis lin, la tutan nokton li ronkadas, foje vomas trans la liton, se ne aldoni pli da detaloj.

**Eŭlalia:** Ts! Vi malhonoras vin mem, insultante la edzon.

**Ksantipa:** Mi povas kolapsi morta, se mi ne prefere dormus kun porkino ol kun tia edzo.

**Eŭlalia:** Ĉu vi do ne bonvenigas lin per insultoj!?

**Ksantipa:** Kiel li meritas tion: li ja aŭdu, ke mi ne perdis la langon!

**Eŭlalia:** Kaj kiel li reagas?

**Ksantipa:** Unue terure li kriadas, kredante ke li povas min forpeli per akraj vortoj.

**Eŭlalia:** Ĉu la kvereloj neniam akriĝis ĝis batado?

**Ksantipa:** Nur unufoje ambaŭflanke la kverelo tiel ekardis, ke apenaŭ la pugnojn li retenis.

**Eŭlalia:** Kion mi aŭdas?

**Ksantipa:** Bastonon li svingis, de temp' al tempo laŭte kriante, kaj terure li minacis.

**Eŭlalia:** Ĉu tiam vi ne ektimis?

**Ksantipa:** Male, miaflanke mi ekkaptis tabureton: se eĉ perfingre li tuŝus min, li povus sperti ke manojn mi havas.

**Eŭlalia:** Bona speco de ŝildo! Ĉu ankaŭ ŝpinilon vi havis kiel lancon?

**Ksantipa:** Li certe konstatus, ke mi estas batalkapabla virino.

**Eŭlalia:** Ho mia Ksantipa, tio ja ne decas!




**Erasmo el Roterdamo (1466?-1536)**
el http://eo.wikipedia.org/wiki/Erasmo_de_Roterdamo

**Ksantipa:** Kio decas!? Se li ne traktas min kiel edzinon, ankaŭ mi do ne lin kiel edzon!

**Eŭlalia:** Sed Paŭlo instruas, ke la virinoj submetu sin al la edzoj kun ĉia respekto. Kaj Petro donas Saran al ni kiel ekzemplon, kiu sian edzon Abraham nomis mastro[4].

**Ksantipa:** Tion mi aŭdis. Sed la sama Paŭlo instruas, ke edzoj amu siajn edzinojn, kiel Kristo amis sian Eklezion[5]. Li devus ne forgesi sian taskon – tiam mi memoros la mian.

**Eŭlalia:** Sed tamen – se jam tien evoluis, ke parte li devas cedi al vi, tiam estas juste, ke la edzino cedu al la edzo.

**Ksantipa:** Kiom li ankoraŭ meritas la nomon edzo: li traktas min kiel sklavinon.

**Eŭlalia:** Sed diru, Ksantipa: ĉu poste li ĉesis minaci bati vin?

**Ksantipa:** Li ĉesis; li fariĝis saĝa; alie mi tradraŝus lin.

**Eŭlalia:** Sed vi ja ne ĉesis kvereli kun li!

**Ksantipa:** Nek ĉesos.

**Eŭlalia:** Kion intertempe li faras?

[3] 1 Petr 3:3.

[4] Ef 5:24 kaj 1 Petr 3:6.
[5] Ef 5:25.




**Ksantipa:** Kion? Foje li dormas, la dormemulo! Foje nenion li faras krom nura ridado; alifoje li prenas la liuton, kiu apenaŭ havas tri kordojn: kiel eble plej laŭte tiujn li ektiras, por superi mian kriadon.

**Eŭlalia:** Ĉu ĝenas vin tio?

**Ksantipa:** Mi apenaŭ povas diri, kiom! Foje nur pene mi retenas la manojn.

**Eŭlalia:** Kara Ksantipa, ĉu vi permesas, ke libere mi parolu al vi?

**Ksantipa:** Jes.

**Eŭlalia:** Vi same al mi. Ankaŭ nia amikeco postulas tion, ĉar jam depost plej frua junaĝo ĝi komenciĝis inter ni.

**Ksantipa:** Vi pravas; neniu amikino al mi estis iam ajn pli kara.

**Eŭlalia:** Kia ajn estu via edzo, tamen pripensu, ke vi ne havas la rajton interŝanĝi lin. Antaŭe[6] ĉe neripareblaj problemoj ekzistis kiel lasta rimedo la divorco. Nuntempe tio entute ne plu eblas: ĝis la fino de la vivo vi devas resti lia edzino, li via edzo.

**Ksantipa:** La ĉielo punu tiujn, kiuj forprenis tiun rajton de ni.

**Eŭlalia:** Bona diro: sed tion decidis Kristo mem.

**Ksantipa:** Tion apenaŭ eblas kredi.

**Eŭlalia:** Tamen jes. Restas do nenio alia ol, ke ambaŭ vi akordiĝu al moroj kaj karaktero de la alia, ke vi strebu al unueco.

**Ksantipa:** Ĉu mi povus remuldi lin?

**Eŭlalia:** Ne malmulte dependas de l' edzinoj, kiaj estas la edzoj.

**Ksantipa:** Ĉu vi kun la via bone akordiĝas?

**Eŭlalia:** Nun estas plena kvieteco.

**Ksantipa:** Ĉu komence estis iom da tumulto?

**Eŭlalia:** Foje iom da ŝtormo; sed tamen, kiel okazas inter homoj, foje formiĝas iom da nuboj, kiuj kapablas estigi ŝtormon, krom se helpe intervenas lerta manovrado. Ĉiu ja havas sian karakteron, kaj ĉiu sian opinion; kaj, se ni povas esti sinceraj, ĉiu havas siajn malvirtojn: kaj certe en geedzeco tiujn oni ne malamu, sed ja bone konu!

**Ksantipa:** Vi tute pravas.

**Eŭlalia:** Sed okazas ofte, ke reciproka bonvolo inter la geedzoj rompiĝas, antaŭ ol ambaŭ vere ekkonis unu la alian. Unue pri tio oni sin gardu. Ĉar tuj kiam estiĝas malpaceto, kostas multe da peno ripari la bonan gracon, precipe se la afero jam iris al sakrado. Kio freŝe estas gluita, rapide ree disiĝas: sed kiam la gluo sekiĝis, nenio estas pli fortika ol tio. Dekomence do oni strebu, ke inter la geedzoj kresku kaj firmiĝu la reciproka bonvolemo. Cedemo kaj alkutimiĝo ĉe tio bone helpas. Ĉar bonvolemo kiu nur devenas de bela aspekto, kutime ne longe daŭras.

**Ksantipa:** Sed tamen, mi petas: diru do, kiel vian edzon vi konvinkis al via opinio.

**Eŭlalia:** Mi diros: min vi imitu.

**Ksantipa:** Se eblos.

**Eŭlalia:** Se vi volas, estas simple. Ankoraŭ ne tro malfruas. Ankoraŭ li estas juna, kaj vi junulino; se mi ne eraras, eĉ jaro ne pasis de via nupto.

**Ksantipa:** Vi pravas.

**Eŭlalia:** Mi do diros; sed vi ne plu-rakontu.

**Ksantipa:** En ordo.

[6] Tempe de la klasikaj Romianoj.

**Eŭlalia:** Estis mia unua zorgo, ke en ĉio mi estu agrabla por la edzo, por ke estu nenio, ke ties sentemon mi vundus. Mi atentis liajn sentojn kaj reagojn; mi atentis la momentojn, kiam li fariĝis iritiĝema, same kiel faras la homoj kiuj malsovaĝigas elefantojn kaj leonojn, kiujn oni apenaŭ perforte povas devigi.

**Ksantipa:** Tia besto estas ankaŭ mia edzo.

**Eŭlalia:** Kiuj aliras elefantojn, ne surhavu blankan vestaĵon; kiuj taŭrojn, ne purpuran, ĉar estas sciate, ke per tiaj koloroj tiaj bestoj freneziĝas. Same kiel tigroj per sono de tamburoj peliĝas al tia furiozo, ke eĉ sin mem ili disŝiras. Kaj kiuj prizorgas ĉevalojn, havas voĉojn, havas lango-klakojn, tuŝojn, kaj aliajn aferojn, per kiuj la sovaĝajn bestojn ili kvietigas. Des pli decas, ke kun niaj edzoj ni uzas tiajn rimedojn, kun kiuj – vole – nevole – ni dividas loĝejon kaj liton dum la tuta vivo.

**Ksantipa:** Daŭrigu do.

**Eŭlalia:** Dum tion mi atentis, mi ĉiam pli adaptiĝis al li, atentante ke okazu neniu ĝenaĵo.

**Ksantipa:** Kiel tion vi povis fari?

**Eŭlalia:** Unue en la aferoj de l' mastrumado, kiu precipe ja estas la tereno de la virinoj, mi tre atentis, ne nur evitante, ke io estu malzorgita, sed eĉ ke ĉio estu tute laŭ lia gusto, eĉ en plej etaj detaloj.

**Ksantipa:** Kiel?

**Eŭlalia:** Nu, la edzo havas preferon por unu difinita aŭ alia manĝaĵo, plaĉas al li certa manĝo preparita je speciala maniero, aŭ la lito estu primetita en difinita maniero.

**Ksantipa:** Sed kiel adaptiĝi al li, se li ne estis hejme, aŭ se ebria?

**Eŭlalia:** Atendu – tion tuj mi traktos. Se foje la edzo ŝajnis iom trista, kaj ne estis la trafa momento alparoli lin, mi tute ne faris ŝercojn nek ridis, kiel faras kelkaj virinoj; sed tiam ankaŭ mi prenis aspekton duontristan aŭ zorgeman. Ĉar kiel spegulo, se ĝi estas pura, ĉiam redonas la vizaĝon de l' rigardanto: tiel la familia estrino devas akordiĝi al la trajtoj de l' edzo – ŝi ne estu gaja, se li malgajas; nek senzorga, se li estas emocia. Sed se foje li estis iom pli emocia, mi kvietigis lin per vortoj afablaj aŭ senvorte cedis al lia koleriĝemo, ĝis – se tio solviĝis – prezentis sin la ĝusta momento por senkulpigi, aŭ por admoni. Same mi faris, se foje li hejmen venis drinkinte pli ol konvenas; tiuokaze nur ŝercaĵojn mi diris: per flatado mi tiris lin liten.




**Ksantipa:** Kompatinda situacio de la edzino: al koleraj, ebriaj edzoj, kiuj faras kion ajn, ili nur povas obei.

**Eŭlalia:** Kvazaŭ tio ne estus reciproka: ankaŭ ili devige eltenas multon el niaj faroj. Sed estas eblo, kiam la edzino en seriozaj aferoj povas admoni la edzon, almenaŭ se temas pri io grava: en negravaĵoj prefere oni adaptiĝu.

(daŭrigota)





**Cindy Mckee**
intervjuis

# Intervjuo al
# Garbhan Macaoidh



**Garbhan Macaoidh**

Garbhan MACAOIDH, angle Girvan MACKAY, estas la aŭtoro de *William Auld - Master Poet of Esperanto*. En ĝi aperas tri tradukoj de *La infana raso* de William Auld, en la tri lingvoj de Skotlando, la devena lando de Auld, do en la skota, en la gaela kaj en la angla. Leginte la anglan tradukon, mi scivolis pri la tradukinto de tiuj tri tradukoj kaj mi petis intervjuon. Jen do nia reta interparolo.

***CM***

**Cindy:** Mi legis, ke vi naskiĝis en Bolivio kaj estis edukata en Portugalio kaj Skotlando. Iam vi estis en Argentino. Vi kaj viaj gepatroj translokiĝis al pluraj landoj. Ĉu pro labordevo aŭ pro aventurema spirito?

**Garbhan:** Pro la du kialoj. Miaj gepatroj ĉiam suferis (se tio estas la ĝusta vorto) de nekuracebla migremo. Krome, en la 20-aj/30-aj jaroj de la pasinta jarcento estis grava ekonomia krizo en Britio, kaj severa senlaboreco en Skotlando. Mi ne reiris al Sud-Ameriko ĝis la fino de la 60-aj jaroj, kiam mi tien translokiĝis kun mia edzino kaj kun niaj du filoj al Argentino (Buenos Aires).

**Cindy:** En kiuj urboj vi loĝis kaj en kiuj malsamaj medioj? Ĉu vi iam taksis lokon ekzota? La hejmloko de La Karavelo estas Portugalio. Kiom longe vi loĝis tie?

**Garbhan:** En Bolivio ni loĝis en Todos Santos del Chaparé; en Hispanio, ĝis la eksplodo de la Hispana Enlanda Milito, en Ourense; en Skotlando, dum la Dua Mondmilito, en Glasgovo; en Portugalio, en Porto, dum kelkaj jaroj antaŭ kaj post la Hitlera Milito; ekde 1956, mi laboris en Germanio, en Kolonio; post 3 jaroj en Germanio, mi laboris kiel tradukisto en Manĉestro, Nord-Anglio, kie mi konatiĝis kun mia edzino, Máire. Ŝi dumtempe estis lernejestrino sur la eta insulo Fair Isle, kie ni kune loĝis dum preskaŭ tri jaroj. Dum tiu tempo naskiĝis nia dua filo; la unua naskiĝis en Anglio. Mi neniam trovis iun ajn el tiuj lokoj vere ekzota. Entute mi pasigis proksimume ok aŭ naŭ jarojn en Portugalio.

**Cindy:** Evidente, vi ne nur loĝis en Skotlando, vi ankaŭ enradikiĝis tie kaj ellernis la skotgaelan kaj la skotan. Kial kaj kiel longe vi studis la lingvojn? Nu, iu kiu konas ok lingvojn ŝajne kapablas trahaŭte sorbi pli da ili. Sed iel, vi tiel kompetente regas la lingvojn, ke vi verkis gvidlibron kaj terminaron pri tiuj lingvoj. Babilu iom pri la lernado kaj pri via klara amo por tiuj lingvoj.

**Garbhan:** Kaj mia patro kaj mia patrino estis skotoj. Mia patrino devenis de la sudokcidenta Skotlando, kie la tradicia idiomo estas la tiel nomata skota. Ĉu ĝi estas lingvo, ĉu dialekto estas konstante debatata. Mia patro estis glasgovano, urbego kie tiam loĝis multaj gaelparolantoj. Mi sorbis la du idiomojn - dum kiom da jaroj? - mi forgesas. Mi ĉiam interesiĝas pri lingvoj, ne nur la skotajn. Miaj preferataj neskotaj lingvoj (mi ne dirus 'fremdaj') estas la hispana kaj la portugala.

**Cindy:** Vi loĝas nun en Irlando. La vojo de via vivo jam pasis tra multaj landoj kaj kondukis vin al Irlando. Kiuj estis la paŝoj kiuj portis vin tien?

**Garbhan:** Irlando dum longe allogis min. Mi pli dezirus vivi en Skotlando, sed mi estas respublikano, tre kontraŭ la monarkia sistemo, kaj apogas la sendependecon de Skotlando en kiu la gaela lingvo havu plenan oficialan statuson. Alia motivo estis tio, ke la gaela (la irlanda, ne la skota) estas laŭkonstitucie la unua oficiala lingvo de la lando. Mi volis loĝi en kelta lando. Bedaŭrinde, la plimulto da irlandanoj ne sufiĉe aprezas sian etnan lingvon.

**Cindy:** En via vivo, vi havis kaj havas multajn okupojn kaj projektojn. Se vi devus nomi unu el ili via plej amata, kiu ĝi estus?

## *verkoj de Garbhan Macaoidh*

**Antologioj**
- Diversaj tradukoj kaj versaĵoj miaj estis inkluditaj en antologioj de poezio, nome:
- La plurlingva kolekto eldonita omaĝe al la nacia poeto de Ukrainio: ZAPOVIT – TESTAMENTO DE Taras Ŝevĉenko, Ukraina Akademio de Sciencoj, Kiev, 1989.
- BÀRDACHD NA ROINN-EÒRPA AN GÀIDHLIG - *European Poetry in Gaelic,* red. Derick Thomson, GAIRM, 1990. Tradukoj en la gaelan de poemoj de García Lorca – Translations into Gaelic of poems by García Lorca, Ŝevĉenko kaj Kálman Kalocsay.
- AN TUIL ("The Flood") - *Anthology of 20th Century Scottish Gaelic Verse*, red. Ronald Black, Polygon, Edinburgo 1999.
- EN NACIA VESTO – Poemoj de Kálmán Kalocsay tradukitaj al naciaj lingvoj. Kompilita de Ada Csiszár, Budapest 2004.

**Aliaj eldonaĵoj**
- ENGLISH – GAELIC KEY TO DWELLY'S ILLUSTRATED GAELIC ENGLISH DICTIONARY, Gairm Publications, Glasgow, 1975. ISBN 0901771473.
- LA GAELA LINGVO EN SKOTLANDO hodiaŭ kaj hieraŭ. Eldonita de Esperanto-asocio de Skotlando, Motherwell, 2005.
- AULD, William, LA SKOTA LINGVO hodiaŭ kaj hieraŭ, kun enkonduko kaj aldonaj notoj de Girvan McKay, Eldonita de Esperanto-asocio de Skotlando, Motherwell, 2005.
- TASGAIDH A Gaelic Thesaurus, Polyglot Publications, rete presata kaj vendata de Lulu Enterprises (www.lulu.com).
- THE SCOTS TONGUE (La skota lingvo) (Paperback), rete presata kaj vendata de Lulu Enterprises (www.lulu.com).

***GM***

**Garbhan:** Mi neniam amis la pagatajn postenojn per kiuj mi gajnis mian panon. Nun, kiel emeritulo, mi estas kontenta. Mi povas dediĉi min tuttempe al verkado kaj al aliaj interesaĵoj miaj.

**Cindy:** *La infana raso* estas unu el la majstraj verkoj en la Esperanta literaturo;



William Auld (1924-2006)
aŭtoro de *La infana raso*

ne nur inda, vere enda je traduko en etnajn lingvojn. Vi tradukis ĝin en tri lingvojn! Kiu traduko pli kontentigas vin?

**Garbhan:** Mi plej amuziĝis farante la skotan version. Eble la plej sukcesa estas la skotgaela. La gaela estas la belega antikva lingvo de miaj prapatroj. Do mi estas pli kontenta pri la versioj skota kaj gaela. Mi malofte verkas en la angla lingvo, kaj multe preferas skribi en Esperanto aŭ en la lingvoj de Skotlando.

**Cindy:** Kiu traduko estis la plej malfacila, kaj traduke kaj eldone? Ĉu vi havis subtenon; ĉu vi laboris sola?

**Garbhan:** La angla. La konata hungara verkisto István Ertl ofertis sin por redakti mian tradukon, do mi akceptis, precipe pro la fakto, ke la Brita Esperanto-Asocio konsilis, ke ĝi estu redaktita de beletristo. Tamen, la unua versio de mia angla traduko jam estis farita.

**Cindy:** Ĉu la tradukado de *La infana raso* postulis jarojn? Ĉu vi sisteme kaj sinsekve tralaboris la tuton aŭ ĉu vi pli unuope pritraktis ĉiun apartan sekcion? Ĉu vi konsultis notojn, tradukojn de aliaj?







**Garbhan:** Ne. Eble 1-2 monatojn por la angla (kun posta reviziio laŭ sugestoj de István). Mi sinsekve laboris la tuton. La skota kaj gaela mi faris pli rapide - eble dum kelkaj semajnoj nur. Mi konsultis kaj komparis la nederlandan version de Willem Verloren van Themaat, kaj la portugalan de la brazilano Leopoldo H. Knoedt.

**Cindy:** Ĉar mi ne povas esti certa ke mi eltrovis ĉiujn viajn verkojn, ĉu plaĉus al vi listigi viajn ĉefajn verkojn? Mi ne volas ellasi ion.

**Garbhan:** Mi komencis verki en la skotgaela lingvo en la jaro 1956. De tiam ĝis la jaro 2002, ĉiuj el miaj skribaĵoj estis publikigataj en la skotgaela literatura revuo *Gairm* *("Alvoko")*, kies fondinto kaj redaktoro dum 50 jaroj estis profesoro Ruaraidh MacThòmais (Derick Thomson) de Glasgovo. Tiuj skribaĵoj miaj inkludis novelojn, eseojn, studojn, poemojn, tradukojn el diversaj lingvoj, kaj du verkojn de libra longo, nome unu romanon (*Isha*) kaj aŭtobiografion (*La verdo de distaj montoj*), kiuj aperis en felietona formo en *Gairm*. En la jaro 1988, mi komencis kontribui al la magazino *Monato*, al kiu mi daŭre kontribuas per noticoj, eseoj, noveloj, poezio, ktp. Ekde kelkaj jaroj la magazino publikigas mian humuran serion de rakontoj pri la loĝantoj en irlanda urbeto kun la ĝenerala titolo *Analoj de Bailnambeann*, kiuj aperas sub mia pseŭdonimo "Albisturo Kvinke". Mia verkaro en Esperanto ankaŭ aperis/aperas sub aliaj pseŭdonimoj kaj formoj de mia nomo: GMA, IRL, Girvan McKay, Garbhan MacAoidh, Garvan Makaj.

**Cindy:** En nomo de La Karavelo, dankon pro la intervjuo.

**Garbhan:** Ne dankinde.

### Retindikoj

William Auld - Master Poet of Esperanto:
http://katalogo.uea.org/index.php?inf=8411

Poŝlibro:
http://www.lulu.com/product/paperback/william-auld---master-poet-of-esperanto/13014124

Bindita:
http://www.lulu.com/product/hardcover/william-auld---master-poet-of-esperanto/13014154

★



**Garbhan Macaoidh**
verkis

# La poeto William Auld kaj lia ĉefverko *La infana raso*




Supozeble, iu ajn kiu konas kaj admiras la verkaron de William Auld rekonos la titolon de lia plej longa kaj ambicia poemo, nome *La infana raso*. Tamen, oni suspektas, ke ne ĉiuj kiuj laŭdas tiun rimarkindan verkon iam legis la tutan tekston. El tiuj kiuj pretendas ke ili ja finlegis ĝin, ne malmultaj konfesos ke ili havas malfacilaĵon kompreni la celon de la aŭtoro.

Post unua legado, oni povas havi la impreson ke temas pri hazarda kolekto da senrilataj ideoj. En siaj Notoj al la tria eldono de la poemo, Auld klarigas sian metodon kaj insistas, ke lia tezo devas esti komprenita kiel tutaĵo. Kiam li komponis ĝin, li estis forte influita de la verko *Cantos* de la usona poeto Ezra Pound. Legantoj kiuj scias pri sudamerika literaturo ankaŭ trovos similecon inter *La infana raso* kaj la *Canto General* de la ĉilia verkisto Pablo Neruda. Oni povas tiele resumi la temon de la tri poemoj: La loko de la homaro en tempo kaj en la universo – gravega kaj profunde interesa studobjekto.

Kvankam, laŭdire, William Auld trovis sian ĉefan inspiron por *La infana raso* en *Cantos*, la du verkoj estas tre malsimilaj. Krom la fakto, ke la amorfa, malfacile komprenebla, kaj nekompleta verko de Pound estas ege longa, la traktado de la du poetoj tre malsamas. Persone, mi trovas pli da rilato inter la nerudaa verko kaj la aulda. Ĉu Auld konis kaj legis *Canto General* mi ne scias, sed tio ne gravas, ĉar, kiel asertas la proverba diraĵo, grandaj mensoj simile pensas, kaj ofte ili dividas la samajn ideojn. La elirpunkto de Neruda estas la amerika kontinento, dum tiu de Auld estas la eŭropa. La plimulto da unuopaj kantoj en *Canto General* ne estas pli longaj ol tiuj de *La infana raso*, sed entute la unua verko (en mia ekzemplero) enhavas 480 paĝojn, dum la poemo en mia ekzemplero (la tria eldono, eldonita de Arthur E. Iltis) konsistas el nur 90 paĝoj, ne inkludante la Notojn de Auld. *Canto General* komenciĝas per la terformiĝo: apero de vegetaĵaro, de bestoj, de birdoj, de riveroj, de mineraloj, kaj de la homoj. Poste Neruda traktas pri la geografio kaj historio de la amerika kontinento, kaj etendas tiun vastan panoramon al la societo kaj al la individuo, nome sin mem. Kompare kun tia vasteco, *La infana raso* aperas kiel skeleto aŭ skizo de simila strukturo. Dirante tion, mi tute ne rigardas ĝin kiel malplivaloran verkon. Estante multe pli konciza, *La infana raso* estas (laŭ mi) pli alloga kaj legebla. Estas konsilinde ke oni legu la auldan verkon pli ol unufoje, samtempe konsultante la Notojn al la unuopaj ĉapitroj. Homoj kiuj vaste legis la mondan literaturon, kaj kiuj precipe bone konas la riĉan originalan verkaron en Esperanto eble ne nepre bezonos helpon de la Notoj, sed oni multe pli bone aprezos kaj ĝuos la poemon pere de ili. Plurfoje Auld mencias la nomojn de aliaj verkistoj kaj citas el iliaj skribaĵoj. Se oni ne rekonas tion, oni iom perdos la fadenon. La tuta deknaŭa ĉapitro fakte konsistas el versio en Esperanto de la *Copa* ("La Tavernistino") de Vergilio, fama versaĵo sur la temo Carpe

Diem (kaptu la tagon). La strukturo de la verko estas iom nekutima. Ĝi konsistas el 25 kantoj (kiujn Auld preferas nomi ĉapitroj), el kiuj kelkaj estas plurpaĝaj, kaj aliaj tre mallongaj. La deka konsistas el nur kvin vortoj, kaj la tuta dudek-tria el malgranda diagramo koncize reprezentanta la ekologian vivciklon. Diversaj motivoj kaj vortoj estas plurfoje ripetitaj en la verko, kaj kontribuas al la integriĝo de la tutaĵo: maro, servuto, fiŝo, milito, naskiĝo, saŭro, planedo, izoleco, perforto, tempo, la momento ŝanĝas ĉion, hundo, araneo, spaco, Sargono Unua, astronomio, Esperanto... Iom bizara estas la plurfoja citado SAL BER JON ROS. La poeto klarigas ke, laŭ teorio de la soveta lingvisto N.J. Marr, tiuj ĉi kvar vortoj estas la pravortoj de la homa lingvaĵo. Auld certe sciis, ke neniu alia lingvisto akceptas tiun teorion, kaj li komentas: “La scienca korekteco de Marr estas por mi afero de indiferenteco”. Do lia uzo de la citaĵo estas nure simbola. Kelkfoje Auld enmetas en la tekston unuopajn vortojn kiuj elvokas al li impresojn, aŭ supozeble pro la fakto, ke plaĉas al li ties sonoj: brando, Betelĝuzo, pantero, eglefino. Pri la lasta, en mia gaela versio de la poemo – mi ŝanĝis de "eglefina" (Gaele: adag) al "merluĉo" (Gaele: "colamoir"). Mi ne bone rememoras kial mi ŝanĝis ĝin, sed eble tio estis pro la fakto, ke en la gaela "adag" estas dusenca, nome, kaj "eglefino" kaj "grenstako", do ambigua.

Je la komenco de la poemo, Auld imagas ke li estas posteulo de iu masonisto Ruben, kies antaŭuloj inkludas piraton, tavernistinon, soldaton, polojn, servutulojn, heredanton de kastelo, barbarajn tribanojn, romianajn legianojn, bastardojn, metiulojn, almozulojn, nobelojn kaj plebojn, bonulojn kaj malbonulojn, blankulojn kaj nigrulojn... Jesuon li salutas kiel fraton. Resume, la enhavo de la unua ĉapitro simbolas la longegan vivoĉenon de iu ajn homa individuo. Pli poste, en la poemo, Auld vastigas tiun simbolan genealogion de la homaro al la momento de vivapero de unuĉelaj organismoj, kaj fiŝsimilaj vivoformoj, kiuj ankaŭ estas antaŭloj de la homo.

La dua ĉapitro diskutas la religion kaj Dion, la supozatan Kreinton de la universo, je kies ekzisto Auld ne kredas. Li demandas: “Kiom koncernas Dion religio?” Samtempe, li kondamnas religian dogmatismon kaj hipokriton. Li asertas ke ĉi tie lia intenco estas pledi por universala toleremo kaj kondamni dogmemon. En la tria ĉapitro sekvas sentiva kaj kunsentada priskribo de nasko de infano kaj de la sentoj de naskanta patrino. La intenco de la aŭtoro estas “enkonduki la gravan temaron, kiu ankaŭ




traplektas la poemon, nome la esencan izolecon de ĉiu individuo”.

Tute malsama kaj unika estas la sekvonta kanto. En siaj "Notoj" Auld klarigas: “Tiu ĉi ĉapitro koncernas la fiecon de la politiko kaj la senmoralecon de la milito”. Por ataki “la dusencecon, eŭfemismadon, rektan trompadon kaj intencan malprecizecon de politika kaj militista lingvaĵo uzitan por trompi la popolon kaj vesti abomenaĵojn per aŭreolo de moraleco kaj praveco”, li krude kaj amuze tordas la lingvaĵon por doni dusencecon, emfatizante tiajn hipokriton kaj trompadon.

En mia skotlingva versio de *La infana raso*, mi permesis al mi iom deflankiĝi de la fidela tradukado kiun mi klopodis fari en la resto de la teksto. En tiu ĉapitro mi satiris la eŭfemismojn uzitaj de politikistoj kaj militistoj, precipe dum la prezidenteco de George Bush, sed ankoraŭ aŭdataj, ekzemple: “taking out” (mortigi), “friendly fire” (mortpafado de kunbatalantoj), “collateral damage” (mortigo de civiluloj), “special rendition” (transigo de malliberuloj al landoj kie torturo estas permesita). Mi kredas ke, se la poeto ankoraŭ vivus, li ne protestus kontraŭ tia “ĝisdatigo” de la ĉapitro. En siaj "Notoj", komentante pri la sekvonta kanto, kiu malprude (kaj iuj dirus "iom krude") priskribas la amoran agon, Auld skribas jene: “Laŭdire tiu ĉi ĉapitro kaŭzis ĉagrenon al iuj bonaj homoj”. Tamen, li defendas la lingvaĵon, citante la artikolon "Lingva deontologio" de Prof. J. Régulo “en kiu la aŭtoro el lingvistika vidpunkto riproĉas tiujn, kiuj rifuzas iujn vortojn kiel maldecajn, sed retenas la konceptojn esprimatajn.” Plie, Auld atentigas pri la fakto, ke “la diskutitaj versoj ampleksas multe pli ol unu dudekonon da la tuta verko”. Certe, koncipante verkon kiu temas pri “la loko de la homaro en tempo kaj en la universo”, la aŭtoro sentis, ke li ne povus ignori la seksuman aspekton de la vivo, sed aliflanke, sentimentala priskribo de

la rilato inter la seksoj, kiel en romantikaj romanoj, ne povas prezenti realan prezentadon de la temo.

Iom simile, kelkaj respektindaj esperantistoj, ekzemple la sudafrika poeto Edwin de Kock, ĉagreniĝis pro tio, kion Auld skribas pri Dio kaj pri religio. Estas vere, ke li severe kritikas eklezian aŭtoritaton, sed li asertas, ke tio kompreneble "ne samas kiel la personaj religiaj sentoj de individuo." En la sesa kanto kaj alie en la poemo, li komparas la eklezion kun saŭroj kaj fosilioj, kio neeviteble iom ofendis iujn. Estas notinde, tamen, ke li ne atakis la religion mem, nek religiajn personojn. Parenteze, oni povas mencii, ke kiam Auld mortis, en la jaro 2006, li ricevis kristanan funebran solenaĵon, supozeble pro decido de sia familio, kaj ne pro iu lastahora konvertiĝo de la forpasinto.

Mi ne intencas detale komenti pri ĉiu unuopa ĉapitro, sed nur mallonge resumi la temaron de la verko. Li citas, ekzemple, la kazon de Galileo por ilustri inter aliaj: "la geniecon per kiu individuoj, eĉ kontraŭ la deziro kaj intenco de la socio, progresigas la homan konjunkturon, kaj la socion mem". Li provas priskribi, en malmulte da vortoj, la komencon kaj la finon de la tera vivo. Li klarigas, ke grava motoro lia estas lia celo. Dum traduko de la poemo en la anglan lingvon, mi havis malfacilaĵon trovi taŭgan ekvivalenton; ĉu "purpose", "object", "objective", "aim"? Finfine, mi elektis "purpose", kvankam tiu esprimo ne tute kontentigis min. La naŭa kaj dektria ĉapitroj estas iom malsamaj de la resto de la verko. Ĝi konsistas ne el versaĵoj, sed el prozaj citaĵoj rilate al la temaro de la poemo. En la sekvanta paĝo, Auld provas, per tipografia aranĝo, "sentigi la grandan (relative al homvivo), la preskaŭ nekoncepteblan tempolongon de la temo". Sekvas odo al la ankoraŭ ne naskita filino de la poeto; kanto kiu enkondukas la temon de la herofiguro. Kiel prototipo li prezentas Ĝinĝis-Ĥanon kaj la subtemo estas suferado.

Tiu subtemo estas ilustrata en la dekkvina ĉapitro, kiu priskribas la kruelecon kaj sensencon de la milito kiu, kiel asertas la aŭtoro: "ne limiĝas al Ĝinĝis-Ĥano, sed daŭras ĝis niaj tagoj". Kiel ekzemplo, li citas la atombomban atakon kontraŭ Nagasako.

Aparte plaĉas al mi la dekkvara kanto, kiu komenciĝas: "Ni pioniraj homoj de l' spacovojoj", kaj kvazaŭ sciencfikcie, priskribas imagan vojaĝon de spacveturilo transportante homojn al fora sunsistemo. En la dua parto de la sama ĉapitro, estas belega bildo de juna knabo kiu sola ludas sur soleca plaĝo. "Pretere estas Kanado... Ithaka." La mencio de Ithaka elvokas la poemon kun la sama titolo, de la greka poeto Konstantino Kafavi, en kiu pli gravas la vojaĝo al la fabela celo ol la alveno (Vidu, en "Aldonaĵo 2", esperantan version de la poemo de Kafavi, kaj poemon "In Ithaca", menciitan de Auld en siaj "Notoj".) Tiel Auld lerte kunligas la praan estintecon, aktualecon kaj estontecon en la longega historio de la organa vivo kaj de la homaro.

En sekvaj kantoj, Auld aludas al diversaj temoj dise traktitaj en aliaj ĉapitroj: cenzurado, Esperanto mem kaj Zamenhof, homa krueleco, tabuoj, morala malboneco de la homaro, la rilato patrina-ida, la sklaveco, amoro, la "celo".

En siaj Notoj, Auld skribas, ke li intencis inkludi sian propran "carpe diem" (= "kaptu la hodiaŭon"). Tamen li demandis sin: "Kial mi refaru tion, kion Vergilio jam faris perfekte". Do, anstataŭ verki originale, li majstre esperantigis la poemon "Copa", supozeble verkita de tiu glora latina poeto. Mi ne permesis al mi multe da libereco dum mia tradukado. Nur en miaj versioj skota kaj gaela, mi ne uzis la ĝustajn ekvivalentojn (skote: "whuttle gress", kaj gaele: "crùban-cait"), por traduki la nomon de la planto melitot(o), sed por fari pli belan sonecon, mi lasis en la skota tradukon de la formo "melitot", dum en la gaela mi ŝanĝis ĝin al "mealbhag" ("grenpapavo"), kiu, mi konfesas, estas tute alia floro. En la dudeka kanto, kiu temas pri tradiciaj herooj, Auld inkludas aludojn al, kaj citaĵojn el, diversaj epopeoj antikvaj kaj tradiciaj.

La temoj de la lastaj ĉapitroj inkludas: ignoradon de la lecionoj de la historio, la efikon de la hazardo, prudismon, religion, politikon; sklavecon kaj la revojn de sklavoj, kuraĝo; la ekologian vivciklon, la astronomian gigantecon de la universo; kaj, finfine, la aŭtoro resumas la temaron de la tuto.

Auld mencias, ke li malĝojiĝis, ke fakuloj de tempo al tempo nomas siajn poemojn "kolekto da lirikaĵoj", ignorante la fakton, ke la verko estis konceptita jam de la komenco kiel tutaĵo. Tiel ni devas legi kaj kompreni ĝin.

Finfine, malgraŭ la fakto, ke *La infana raso* estas malpli impone ampleksa ol *Cantos* de Ezra Pound aŭ ol la longa *Canto General* de Pablo Neruda, ĝi estas unu el la plej elstaraj poeziaj verkoj en Esperanto. Se ni rigardas ĝin, kune kun la cetero de la abunda verkaro de la fekunda plumo de William Auld, lia kontribuo al nia literaturo estas digna je la plej granda honoro.

★



**István Ertl** [1]

# Sed kiu do legis Messias de Klopstock?

*En la lastaj ses tagoj de junio 1990 mi gvidis ĉe Kultura Centro Esperantista en La Chaux-de-Fonds seminarion pri* La Infana Raso (LIR)*. Mi kredas ke hodiaŭ mi malfacile kuraĝus trakti tiel multfacetan temon antaŭ tiel postulema publiko – ĉeestis ankaŭ la tradukintoj de la verko francen kaj nederlanden, Jean-Pierre Danvy resp. Willem A. Verloren van Themaat –, sed tiam mi estis "juna, sekve fola", por citi ĝuste el William Auld.*

*Dum ĵusa ordigo de mia laborĉambro, mi retrovis tajpaĵon, kiu montriĝis ia enkonduko al tiu seminario. Mi publikigas ĝin nun sen esenca ŝanĝo, kaj sen aparta pretendo al originaleco. Mi plagiatas min junan.*

«Mia persona rilato al *La Infana Raso* estas tre modertona. (...) Mi ne ĝuas ĝin kiel tuton. Mi tute konsentas kun NN, ke la celo verki ĝin estis tute propaganda. (...) Sed mi multfoje provis legi ekz. *The Waste Land*, kaj mi ne sukcesis malgraŭ certigoj, ke temas pri artverkego. La tradicio, kiun imitas Auld, estas tute fremda al mi. Kaj li imitas kun tute stabila vidpunkto: Eliot estas eminentulo, Eliot-aĵoj estas eminentaĵoj (evidente mi troigis, sed ĉu vere necesas kelkdek paĝoj por sufiĉe konciza mesaĝo?). Se eventuale vi volus citi mian opinion, nepre ne faru tion laŭvorte. Mi ja esprimus min pli deceme. Temas simple pri tio, ke mi ne rekomendus *LIR*on kiel ĉefverkon de nia poezio. Estas multo pli interesa» – skribas al mi amiko, al kiu mi jene mallojalas...

Post iom similtona prijuĝo en la eseo *Memstariĝi* [1] [2], (publikigita en 1990, sed verkita antaŭ ses jaroj), Kris Long tiel ĉi modifas sian starpunkton: «Mi devas (...)




konfesi, ke ĝi estas unu el malmultaj E-poemoj, kies versoj ĝuinde restas en memoro, eĉ se oni ie-tie volus malkonsenti.» [2]

La plej aŭtenta, sed eble plej partieca voĉo, tiu de la aŭtoro, esprimas sin jene en 1987, antaŭparole al la hungara eldono (retraduko el la hungara, pri la stilo do ne respondecas Auld): «Nur maljunaj homoj kapablas kompreni, kion mi sentas, foliumante tiun ĉi verkon el mia junaĝo. Kvankam intertempe la mondo sufiĉe aliiĝis, ŝanĝiĝis nek la kosmo, nek la homa naturo, bazaj temoj de mia libro. Kvankam intertempe mi senĉese verkis (publikigante pli ol 35 titolojn), mi plue sentas min en la kompanio de *La Infana Raso* tiel, kiel multinfana famili-patro, kiu sentas sin pli hejmece ĉe unu el la filoj ol ĉe la aliaj. Mi metis mian tutan memon en tiun ĉi verkon, tiel ke poste mi povis kvazaŭ nur provizi ĝin per piednotoj.» [3]

«Laŭ mia opinio la majstroverko de la tuta Esperanto-literaturo» – koncizas same koncernata klerulo, la tradukinto nederlanden, Willem A. Verloren van Themaat, antaŭparole al sia eldono. [4] Estas ankaŭ li, kiu citas la recenzeton, miascie ĝis tiam unusolan, kiu traktas etnolingvigon de *LIR*: «Ĉi tiuj poemoj (*plurale*! – I. E.) de Auld, skoto laŭ naskiĝo (1924), estas konsiderataj kiel la plej gravaj en la Esperanta literaturo. En ĉi tiu traduko li montriĝas kiel aŭtoro, kiu utiligas grandan nombron da stilrimedoj, de eposa, prozeca poezio ĝis vida poezio laŭ la maniero de Paul van Ostayen kaj Paul de Vree

1 Pri la aŭtoro: http://eo.wikipedia.org/wiki/Istv%C3%A1n_Ertl (JJS)

2 Notoj de la aŭtoro en la fino de la artikolo. (JJS)

(nederlandlingvaj poetoj – W.A.V.v.T.). Eldono ekstreme interesa, sed kiu postulas sufiĉe grandan multlegintecon de la leganto.» [5]

Langostumblo de alia amiko rezultigis jenan komenton: «Vidu, mi ne tro literuremas!» [3]

Videble larĝas la gamo de opinioj kaj pritaksoj – kaj ĉi-ĵuse mi citis nur relative freŝajn pritemaĵojn. Se, gaste de CDELI, oni refosas en tiutempaj recenzoj (helpas la bibliografio kiun publikigis *En barko senpilota* [6]), la laŭdoj ŝajnas pli unuanimaj, eĉ se fojfoje legiĝas amuza nekompreno, kiel ekz.: «Ĉe kelkaj lokoj / la lingvo de la aŭtoro – I. E. / fariĝas nebula, enigma, kaj unu ĉapitro (IV) ŝajnas komplete konfuzita de la preserara diablido – evidente tio okazis kun plena intenco de la aŭtoro, sed mi vane klopodis trovi devigan kaŭzon por tiu ekstravaganco.» [7] Evidente, temas pri la ridige malrigida, petarde vortluda, artisme porpaca "gonoral-kanto":

*Laŭ gonoraloj, la milit' necesas –*

*nu, kunpremeble, ĉar per ĝi inspezas*

*tiaj fraponoj...*

Ĉu oni ne fariĝu malice suspektema, se la samepokaj kritikistoj koruse priĉantas iun verkon? En la hungarlingva literatur-historio oni emas citi eldiron de Antal Szerb: "Sed kiu do legis *Messias* de Klopstock?" [8] Nome, korpoza verkego vetkure laŭdata de la tiuepokaj kritikistoj. Ĉar jen ni legas sur ekflavaj paĝoj:

«... ne plu temas pri poemo verkita en Esperanto, sed pri poemo, kiu povus esti verkita en neniu alia lingvo ol Esperanto (...) pluraj riproĉos al li la abruptecon de lia poezio: sed abruptaj estas nur la montoj, ne la marĉoj...» [9]

«Fine kreiĝis la majstroverko, kiu montros al la mondo Esperanton kaj ties popolon.» [10]

«Monumenta rondbildaro (...) per... morala volo grandiĝas, eĉ gigantiĝas la verko de Auld.» [11]

3 Por pligrandigi la kolekton de Ertl, la redaktisto de *La Karavelo* publike informas pri *La infana raso*:
Mi ĝin legis antaŭ ĉirkaŭ 20 jaroj ne ŝatante ĝin. Mi svage memoras, ke la precipa motivo de mia tiama malŝato estis la ateismo kiu trapasas ĝin. Nun mi estas ankoraŭ pli kredanta en Dio ol antaŭe. Tamen mi ne miros, se mia nuna matureco igos min ŝategi la verkon. Iam mi revenos al ĝi. Tiam mi povos ankoraŭ kontribui por la kolekto de Ertl.
(JJS)

Kaj tiel plu. Oni demandas sin: ĉu 34 jarojn post sia apero *LIR* estas same valora literaturo? Malpli? Eĉ pli?

## Notoj de la aŭtoro


[1] *La Gazeto*, nro 27, p. 13-19.

[2] *La Gazeto*, nro 29, 1990-06-15, p. 5.

[3] *Opus Nigrum*, 1987/4, p. 1. Tiun ĉi mian retradukon el la hungara mi publikigis komplete en *Esperanto*, nov. 2006, p. 222. Kaj poste mi retrovis la originalan Esperantlingvan leteron de Auld – estus filologia delico aperigi ankaŭ ĝin...

[4] *Het Kinderras*, Amsterdam, Tor, 1982, p. 7.

[5] Tom Luiting en *Lektuurinformatiendienst*, citita en "Mia nederlanda traduko de *La Infana Raso*: verkado, publikigado kaj eĥoj", *Opus Nigrum*, 1988/4, p. 1-2.

[6] *En barko senpilota*, Edistudio, Pizo, 1987, p. 852-855.

[7] Teo Jung, en: *Heroldo de Esperanto*, nro 1241, dec 1956, p. 4.

[8] Szerb Antal: *A világirodalom története* (*Historio de la mondliteraturo*), Budapest, *Magvető*, 1989.

[9] Gaston Waringhien, en: *La Nica Literatura Revuo*, 1957/3, p. 116-120.

[10] Baldur Ragnarsson, en: *Esperanto*, 1957/3, p. 49.

[11] Ferenc Szilágyi: La celon ni plenumas – la celo nin konsumas, en: *Norda Prismo*, 1957/1, p. 60-62.


★




**lakaravelo@gmail.com**

**www.lakaravelo.net**



**Roger Gotardi**
tradukis el la portugala




# La pordo 15 kaj la pordo 17

***de Arturo Azevedo***

(impreso post legado de franca rakonto)

– Efektive, Francelina! Kiom longe daŭris via irado al la vendejo! Ĉu vi volis tie resti?...

– Ne, sinjorino; okazas, ke tiuj novaj domoj tre similas unu al la aliaj, kaj tial, mi mise eniris en la pordo 15, anstataŭ eniri en la pordo 17. Mi trairis de tie internen ĝis la kuirejo!

– Kion vi diras?

– La veron, mastrino. Ekde nun mi ne eniros hejmen ne rigardinte la pordnumeron!

– Poste vi alkutimiĝos. Tio okazis, ĉar vi estas ĉe mi de nur ok tagoj. Bone. Ĉu vi aĉetis, kion vi devis aĉeti?

– Jes, sinjorino.

– Ĉu mankas io pli?

– Ne, sinjorino.

– Do, ĝis baldaŭ. Fermu la ĉefpordon kaj zorgu prepari la vespermanĝon. Je la kvina horo mi revenos.

S-rino Izabelo, kiu jam estis preta eliri, paŝis en la koridoron, malsupreniris la ŝtuparon kaj malaperis.

Francelina fermis la ĉefpordon, kiel la mastrino antaŭe ordonis al ŝi, kaj iris en la kuirejon.

Ne estis pasinta horduono, kiam la mulatino Francelina aŭdis, ke oni frapetis ĉe la ĉefpordo. Ŝi kuris ĝis la fenestro de la vizitĉambro, por vidi, kiu estas, kaj frontis al maljuna sinjorino, sufiĉe maljuna, malalta, kurbdorsa, atendanta la malfermon de la pordo.

La servistino ne konis ŝin, sed ŝi pensis, ke estos neniel malkonvene malfermi la pordon al maljunulino, kaj tial ŝi enlasis ŝin.

– Nu, dank' al Dio! Mi opiniis, ke oni lasos min sub la suno dum unu horo! Donu al mi vian manon, knabino! Helpu min supreniri la ŝtuparon! Vi bone scias, ke mi jam ne havas bonajn okulojn!

– Kion vi deziras, sinjorino? – demandis Francelina, kiam ili alvenis al la vizitĉambro.

– Vi ne parolu mallaŭte! Vi bone scias, ke mi ne plu havas bonajn orelojn! Nek okulojn, nek orelojn, nek krurojn! Kaj tial konduku min sur la lulseĝon. Kie ĝi estas?... Ŝi jam translokis ĝin! Kia manio tiu de mia nevino! Ŝi ĉiam ŝanĝadas la meblolokojn.

Francelina kondukis la maljunegulinon al la lulseĝo, sur kiun ŝi sidigis ŝin komforte.

– Nu, atendu! Ŝajnas al mi, ke mi ne konas vin! Ĉu vi estas nova en la domo?

– Jes, sinjorino! Mi estas ĉi tie de antaŭ ok tagoj.

– Kriu!

– Mi estas ĉi tie de antaŭ ok tagoj.

– Kriu pli laŭte!

– Mi estas ĉi tie de antaŭ ok tagoj.

– Ĉu ...... de antaŭ ok tagoj? Do vi ne konas min, ĉar de unu monato mi ne venas ĉi tien. Mi estas onklino de via mastrino. Kie ŝi estas?

– Ŝi eliris.

– Kion?

– Ŝi eliris.

– Pli laŭte!

– Ŝi eliris.

– Ĉu ŝi eliris? Kompreneble, ŝi faras nenion, krom vagumi. Do vi ĵus venis loĝi en la urbo! Nu, nu... kiel vi nomiĝas?

– Francelina.




– Kiel?

– Francelina.

– Nu, Francelina, iru preni tason da tre varma kafo, kun konjak-guteto, sed antaŭe demetu ĉi tiujn botetojn, kaj portu al mi la pantoflojn de via mastrino, kaj ankaŭ unu el la kapkusenoj de la lito. Dum ŝi ne venas, mi dormetos.

Francelina faris ĉion, kion ordonis la maljunulino, kaj lasis ŝin dormanta en la vizitĉambro, kun la piedoj kaj la kapoj ripoze metitaj en la pantofloj, kaj sur la kapkuseno de S-ino Izabelo.

Kiam ĉi tiu revenis, je la kvina vespere, la servistino diris al ŝi:

– Mastrino, via onklino dormas en la vizitĉambro.

– Ĉu mia onklino? Sed mi ne havas onklinon!

– Ĉu vi ne havas onklinon?

Francelina rakontis al ŝi ĉion, kio okazis.

– Nekredeble! - ekkriis S-ino Izabelo, kaj ekkuris en la vizitĉambron, akompanate de la servistino.

La maljunulino profunde dormis.

– Sed mi ne konas ŝin, mi ne scias, kiu estas tiu sinjorino! Kion tio signifas?... Kiu mistero eble estas ĉi tiu?... Mi vekos ŝin.

Kaj S-ino Izabelo ekskuis la maljunulinon, kiu ne vekiĝis.

Francelina eldiris stultan frazon:

– Skuu pli forte, mastrino, ĉar ŝi estas surda!

S-ino Izabelo skuis pli forte, kaj nenia sukceso!...

– Dio mia! Tia rigideco!... Tia rigideco!...

Kaj la dommastrino ellasis stridan krion.

– Kio okazas, mastrino?

– Tiu maljunulino ne plu estas viva!

– Ĉu ŝi mortis!?

Efektive la kompatinda maljunulino forpasis dumdorme.

Imagu la afliktiĝon de la du virinoj antaŭ tiu mistera kadavro; sed S-ino Izabelo, kiu estis inteligenta, pensis:

– Ĉu eble la maljunulino ne eniris en la pordon 15, pensante, ke ĝi estas la pordo 17?

– Kaj ŝi alvokis la najbarinon trans la teraso-muron:

– Ho, najbarino! Najbarino?...

– Kio?

– Ĉu vi ne havas onklinon maljunan, surdan kaj preskaŭ blindan, sinjorino?

– Jes, sinjorino, mi havas.

S-ino Izabelo pli forte spiris.

Do sendu iun por reporti ŝin, ĉar ŝi estas en mia domo. Ŝi mise eniris ĉi tien.

– Ŝi venu mem. Ne necesas sendi iun por reporti ŝin.

– Necesas ja, ĉar ŝi... malsanas... Ŝi malsaniĝis tie ĉi...

Horduonon poste la kompatinda maljunulino estis translokata... en la Kadavrejon.





**www.lakaravelo.net**



***Roberto Ribeiro***



**Maizo**

# Historio de Manĝado en Brazilo

Brazilo enhavas riĉan kuirarton, kiu miksas elementojn el multaj partoj de la mondo, sed kiuj estas malsamaj unuj de la aliaj.

* * *

Homoj kuniris kun aliaj animaloj en Sudamerikon, dum holoceno, kiam la Istmo de Panamo superakviĝis. Homa manĝaĵo evoluis kune kun la holocena flaŭro kaj faŭno. Tiam homoj ĉasis, fiŝkaptis kaj kolektis ĝis la apero de agrikulturo. Agrikulturo en Ameriko estiĝis sendepende de la eŭropazia per lokaj specioj, kiel maizo kaj manioko.

Kiam eŭropanoj alvenis Amerikojn, ekde la 15-a jarcento, ili trovis popolojn, kiuj manĝis tute nekonatajn bestojn kaj plantojn, vere "Nova Mondo" al ili kaj al iliaj stomakoj. Estis du eblaj strategioj. Aŭ la konkerantoj provis adaptiĝi al amerikaj manĝaĵoj, aŭ ili alportis manĝeblajn bestojn kaj plantojn el Eŭropo. Ĝenerale, portugaloj kaj hispanoj elektis la unuan agmanieron, dum francoj, angloj kaj nederlandanoj, preferis la duan, kvankam ne absolute, ĉar ankaŭ hispanoj alportis bovojn al Sudameriko, kaj angloj manĝis maizon kaj meleagrojn en Nordameriko.

## Kolonia periodo

Kiam Pedro Álvares Cabral[1] alvenis Brazilon, li ricevis kelkajn indianojn en sia ŝipo kaj ofertis al ili vinon kaj biskvitojn. La indiĝenoj kraĉis kaj lavis siajn buŝojn per akvo. Poste, kiam la ŝipanoj elŝipiĝis, la indianoj ofertis maniokon al la portugaloj.[2] Tiuj ŝatis la novan manĝaĵon, eble ĉar en la ŝipoj ne estis freŝaj nutraĵoj.

En la unuaj jaroj, la portugaloj rapide lernis prepari kaj manĝi maniokon, maizon, bataton, taron, nativan rizon, ignamon kaj eĉ simiojn kaj serpentojn, kiuj estis, krom fiŝoj, la ĉefa fonto de proteino de brazilaj indiĝenoj. La portugaloj rapide kunportis ŝafojn, kaprojn kaj porkojn en Brazilon.

En 1555, francaj kalvinistoj intencis krei kolonion ĉe la nuntempa Rio de Janeiro. Pro religiaj tabuoj, ili preskaŭ ne kontaktis kun indianoj kaj restis sur apuda insulo. Ili konstruis fortikaĵon kaj intencis alvenigi virinojn, plantojn kaj kortobestojn el Eŭropo. Ili estis ĉirkaŭigitaj de portugaloj dum kvin jaroj. Preskaŭ senmanĝe, kaj precipe sen virinoj, parto el ili ribelis, kelkaj fuĝis kaj multaj mortis. La kolonieto malaperis. En 1594, la franca reĝo sendis militistojn por fondi novan kolonion ĉe la nuntempa São Luís. Tiam francoj kontaktis kun indianoj, sed ne sukcesis manĝi iliajn manĝaĵojn. Ili estis sieĝataj de portugalaj kolonianoj, nun la unua generacio jam naskiĝinta en Brazilo. La komandanto de la portugalaj trupoj sendis al la franca kapitano leteron, kiu diris ke francoj dependis de franca tritiko, sed portugaloj povas vivi per unu manioko kaj duona serpento po tago. Tio timigis francojn, kaj kiam unu el du ŝipoj, ŝarĝitaj per tritiko, frakasiĝis antaŭ ol alveni al la fortikaĵo, ili decidis forlasi la kolonion.[3]

---

1 Portugaloj estis la unua okcidenta popolo malkovranta kaj konkeranta Brazilon. Petro Alvaro Kabralo estis la ĉefo de la ekspedicio, kiu malkovris Brazilon, en 1500. (JJS)

2 CAMINHA, Pero Vaz. A Carta. http://www.baixaki.com.br/download/a-carta-pero-vaz-de-caminha.htm (RR)

3 GAFFAREL, Paul Louis Jacques. *Histoire du Bresil français au seizième siècle*. Paris: Maison Neuve, 1878. (RR)

Krom manioko, per kiu oni faras multajn pladojn kaj eĉ alkoholaĵon, kaj aliaj radikoj, brazilaj indiĝenoj konis la maizon, la arakidon kaj la kapsikon.

De 1580 ĝis 1640, Portugalio estis aneksita al Hispanio. Hispanoj enirigis bovojn kaj sukerkanon en Sudamerikon. Hispanoj ankaŭ kunportis manĝaĵojn el Meksiko, kiel pimenton, kakaon kaj avokadon.

Tiam komenciĝis la alveno de nigraj sklavoj al Brazilo. Nigruloj kunportis siajn morojn kaj kuirarton. Ili kunportis la numidon, la kokuson, la fazeolon, la bananon k.t.p., precipe ĉar nigraj sklavinoj estis uzataj kiel kuiristinoj. Ili miksis indiĝenajn kaj afrikdevenajn ingrediencojn kaj kreis la plej ŝatatajn pladojn de brazila kuirarto, kiel la akaraĵeon (PT acarajé), la vatapaon (PT vatapá), la karuruon (PT caruru) kaj la fazeoladon (PT feijoada), nuntempe nacia plado. La brazila fazeolado estas miksaĵo de afrika nigra fazeolo kaj eŭropaj viandoj. Afrika kulturo ne havis multajn dolĉajn manĝaĵojn, krom fruktoj kaj mielo.[4] [5]



**Manioko**

Post 1640, Portugalio reakiris sian sendependecon de Hispano, sed ĝi eniris en gravegan ekonomian krizon. Tio kaŭzis, ke la portugala registaro devis pli intense ekspluati siajn koloniojn. Multaj portugaloj estis sendataj al Brazilo kun siaj familioj, kaj la blankaj virinoj alportis en Brazilon la dolĉaĵojn. Sed en la nova kontinento ili ne trovis la tradiciajn eŭropajn ingrediencojn por kuiri ilin. En Brazilo, kokinaj ovoj estis tiam tiel multekostaj, ke oni uzis ilin kiel monon. Fromaĝo kaj butero estis monopolo de la reĝo. Tritikan farunon oni uzis nur por fari la mesan panon. Do, portugalinoj devis adaptiĝi. Ili ekuzis la tre abundan sukeron por anstataŭigi ovblankojn, kaj kokuson anstataŭ fromaĝo.

Ĉirkaŭ 1700, oni trovis oron en Brazilo. Ĉiuj "oraj kuradoj" kaŭzas pli da mizero ol da riĉeco al la popoloj. Amaso da portugaloj alvenis Sudamerikon. La abundo da oro kaŭzis inflacion, kio longtempe kaŭzis la dekadencon de la portugala imperio. En minejaj regionoj, oni pagis viandon kaj ovojn per oro, la registaro lanĉis grandajn impostojn al portugalaj produktoj, kiel vino, olivoleo kaj tritiko. Oni komencis produkti kaŝe fromaĝon kaj buteron, kaj malkaŝe vinon el akaĵuo kaj brandon el sukerkano. Malmultekosta gado, tre abunda en Norda Maro, venis el Eŭropo por nutraĵo al la sklavoj.

En tiu epoko, brazilanoj komencis bredi grandajn bovarojn por provizi la ministojn per viando. Tiam, estis kreata la kutimo manĝi bovrostaĵojn en Brazilo (PT churrasco), en la suda regiono[6].

## La sendependeco

Post jarcento da malbona regado kaj religia fanatikismo, Portugalio kaj Hispanio iĝis putraj imperioj[7]. Napoleono facile invadis kaj venkis Hispanion. La portugala registaro decidis ŝanĝi sian ĉefurbon al Rio de Janeiro en 1808.[8] Ĉar la eŭropa parto de portugalia imperio restis invadita de fremdaj trupoj, kaj francaj kaj anglaj, kaj pro Kontinenta Embargo, ne eblis tiam enporti en Brazilon eŭropajn produktojn.[9] Nur Anglio havis tiun rajton.[10] La portugala nobelaro devis tiam konformiĝi al la brazila manĝaĵo.[11]

---

4 BRANDÃO, Darwin. A Cozinha Baiana. Rio de Janeiro: Edições de Ouro, 1983. (RR)

5 Al la bele ekzotika priskribo de la aŭtoro, oni aldonu, ke kompreneble ne la nigruloj portis en Brazilon tiajn manĝaĵojn, sed la portugaloj, kiuj tiutempe sklavigis la nigrulojn. Nigruloj ne povus tion decidi, ĉu kunporti ion aŭ ne el Afriko al la nova hejmlando. Oni aldonu ankaŭ, ke en multaj regionoj de Portugalio oni kuiras kaj manĝas fazeoladon similmaniere. (JJS)

6 CASCUDO, Luís da Câmara. História da Alimentação no Brasil. Belo Horizonte: Itatiaia, 1983. (RR)

7 "putra imperio" estas pleonasma esprimo, sed pravigebla, ĉar kelkaj ne rimarkas, ke imperioj ĉiam estas putraj. (JJS)

8 Legu pli pri la afero en La Karavelo n-ro 7, p. 20-24. (JJS)

9 Efektive tiatempe kaj francoj kaj angloj forŝtelis ĉion eblan el Portugalio. (JJS)

10 Ŝajnigante defendi la aliancanon Portugalion kontraŭ la superreganta Francio, Anglio forŝtelis ĉion eblan de Portugalio. Por tio, la komercaj rajtoj estis ĉiuj en la manoj de la angloj. Ja imperioj putras, kiel antaŭe diris la aŭtoro. (JJS)

11 Kiel la aŭtoro klarigis antaŭe, tio por portugaloj ne estis peno. Ankoraŭ nuntempe portugaloj ŝatas ekzotikaĵojn, kaj facile adaptiĝas al novaj situacioj. (JJS)



**Fazeolado**

La regenta princo Johano[12] kreis botanikajn ĝardenojn por adapti la kreskaĵojn el multaj partoj de la mondo al Brazilo. En 1808, la portugala spiono Luís de Abreu, prenis el botanika ĝardeno de Madagaskaro, tiam franca kolonio, dudek kestojn da semoj. Tie estis la unuaj semoj de kariofilujo, muskatujo, kaĵao (PT cajá) (LT Spondias mombin), abrikotujo, panarbo, novaj specioj de mango, kaj aliaj ornamaj kaj utilaj plantoj. En 1809, portugalaj trupoj konkeris Francan Gujanon, kaj prenis novajn speciojn de sukerkano.

Luís de Abreu estis sendata al Ĉinio por akiri plantojn de teo.[13] Tiam, en Brazilo, mateo (PT mate) (LT ilex paraguariensis) jam ekzistis kiel varma trinkaĵo. La gusto de mateo estas sufiĉe simila al teo, kaj ĝi facile kreskas en la suda kaj sudorienta partoj de Brazilo, eble pro tio teo neniam iĝis populara.

## La erao de kafo

En 1821, post la liberala ribelo, Lisbono denove iĝis ĉefurbo. Brazilo apartiĝis de sia metropolo kaj iĝis formale sendependa ŝtato en 1822.

Tiam, la plantado de kafujo kreskis en Brazilo. Kvankam jam en la fino de la 18-a jarcento oni plantis ĝin, nur ĉirkaŭ 1830 la kultivado komenciĝis grandskale. Kafo rapide iĝis la plej grava produkto de Brazilo, kaj la ĉefa varma trinkaĵo de la lando.

La ekuzado de vaporŝipoj permesis la fortiĝon de la internacia komerco. Ne nur multekostaj varoj iris de unu kontinento al alia. Vino, olivoleo kaj tritiko alvenis al Brazilo en la mezo de la 19-a jarcento, ne nur kiel religiaĵoj. Oni fondis bakejojn en preskaŭ ĉiuj provincaj ĉefurboj. Oni ankaŭ komencis fari bieron. La farado de butero kaj fromaĝo iĝis libera, kaj ĝia uzo iĝis ĉiutaga, kvankam la brazilaj fromaĝoj kaj butero estas malsamaj de la eŭropaj, ĉar oni devis memlerni kiel fari ilin[14]. Ŝipoj ŝarĝitaj per rizo alvenis el Azio al brazilaj havenoj kaj rizo iĝis ofta en brazilaj manĝoj.

En 1835, usona ŝipo portis glacion al Rio de Janeiro kaj oni unuafoje faris glaciaĵon, kiun nur plenkreskaj viroj rajtis manĝi. Oni faris tion unufoje jare, ĉar oni ne povis konservi la glacion. Kelkajn jarojn poste, la imperiestro Petro La 2-a ordonis fari kavon por gardi glacion dum la tuta jaro, sed nur korteganoj povis manĝi glaciaĵon. Ordinaraj viroj devis atendi la ŝipon.

## La respubliko

En 1889 komenciĝis la respublika periodo de la Brazila historio. Multaj enmigrintoj venis al Brazilo, sed ili malmulte influis la brazilajn morojn pri manĝo, precipe ĉar ili estis tro malriĉaj. Italoj alvenigis malmultekostan makaronion, precipe en grandaj urboj, kaj novajn manierojn uzi la maizfarunon kaj la tomaton.

12 Don Johano La Sesa estis princo regenta, ĉar lia patrino, la reĝino Don Mariino La Unua freneziĝis. Li estiĝis reĝo post la morto de la patrino en Brazilo, en 1816. (JJS)

13 MIRANDA, Evaristo Eduardo de. Quando as plantas valiam ouro. National Geografic Brasil, ed. 128, 11/2010. (RR)

14 Ĉi tiu motivo ne ŝajnas pravigebla, ĉar Brazilo neniam estis izolata de Eŭropo. Eĉ post la sendependigo, portugaloj plu elmigris kaj elmigras al Brazilo. Eble la klimato kaj aliaj cirkonstancoj decidis pri aliaj manieroj fari fromaĝon kaj buteron. (JJS)



**Pikanjo (PT picanha), unu el la plej aprezataj brazilaj pladoj.**

Dum la 20-a jarcento, tre malrapide, malmultekostaj importitaj cerealoj, kiel rizo kaj tritiko, anstataŭis grandparte maniokon, en la brazilaj kutimoj. Ĝis 1970, oni malmulte manĝis tritikan panon aŭ biskvitojn. Biero kaj karbonataj trinkaĵoj anstataŭis la aluaon (PT aluá) kaj la kaŝirion (PT caxiri), tradiciajn fermentitajn trinkaĵojn.

En la mezo de la 20-a jarcento, post la Dua Mondmilito, aperis la industriaj manĝoj, unue el la svisa fabriko Nestleo (Nestlé), kiu uzis ilin por pagi la kafon kaj la ĉokoladon, poste aperis aliaj internaciaj entreprenoj.

## Nuntempe

En 1940, oni kreis la koncepton de "baza kesto", tio estas, la baza manĝaĵo de mezklasa brazilano. Ĝis hodiaŭ la registaro uzas ĝin por statistikaj celoj. Statistike, la baza ĉiutaga manĝaĵo de meza brazilano estas: viando (ĉefe bovviando), lakto, fazeolo, rizo, kasavo, terpomo, pano, kafo, banano, oleo (ĉefe sojoleo) kaj butero[15]. Meza brazilano[16] manĝas ĉiutage ĉirkaŭ 70 gramojn da viando, 250 g da lakto, 40 g da fazeoloj, 85 g da rizo, 20 g da kasavo, 40 g da pano, 7 g da kafo (en polvo), 23 g da banano, 22 g da oleo, 0,8 g da butero. Krom tiuj "oficialaj" manĝaĵoj, brazilanoj ankaŭ manĝas ĉiutage 55 g da sukero, 82 g da veĝetaĵoj kaj 70 g da legomoj. Krom la "oficiala" banano, brazilanoj manĝas 40 g da aliaj fruktoj ĉiutage. Ĉokoladon oni ankoraŭ rigardas kiel luksaĵon. Oni manĝas 116 g da ĝi ĉiujare.

Kvankam Brazilo estis koloniigita de portugaloj, ĉi tie ne estas la tipaj mediteraneaj manĝaĵoj[17], bazitaj sur pano, vino kaj olivoleo. Brazilanoj trinkas nur 1 botelon (675 ml) da vino, kaj uzas nur 190 ml da olivoleo ĉiujare. Aliaj eŭropdevenaj manĝaĵoj, kiel fromaĝo (2 kg ĉiutage po persono) kaj biero (4,5 l jare), ankoraŭ estas ne tre popularaj. Ĉefa "fremda" industria manĝaĵo estas karbonataj trinkaĵoj (po 50 ml ĉiutage por homo).

Kompreneble, krom la bazaj manĝaĵoj, la brazila kuirarto havas specialajn kaj regionajn pladojn. Vidu la lastan paĝon.

★

15 http://turandot.dieese.org.br/bdcesta/cesta.html (RR)
16 http://www.ibge.gov.br/home/estatistica/populacao/condicaodevida/pof/2002aquisicao/default.shtm (RR)

17 Portugaloj facile komprenis, ke ili devis adaptiĝi al la indiĝenaj moroj, pro la klimataj cirkonstancoj, kaj ankaŭ pro la portugala plaĉo al ekzotikaĵoj. La amasa produktado de vino nur eblas en la sudo de Brazilo. Portugaloj konkeris la brazilan teritorion laŭ la sencumo de nordokcidento al sudokcidento. (JJS)

# Nigruletoj

***Roberto Ribeiro***



Ĉi tiu kuketo nomiĝas brigadĉefo (PT brigadeiro) aŭ nigruleto (PT negrinho).

Ĝi estis kreata dum la Dua Mondmilito, kiam mankis ovoj.

Ĝia nomo estas omaĝo al la brigadĉefo Eduardo Gomes. En la jaroj 1946 kaj 1950, Gomes kandidatiĝis al la prezidenteco de Brazilo. Tiatempe apogantinaro en Sanpaŭlo organizis festojn por lia kandidateco. Tiam ili inventis la nigruletojn, kies vendo helpis subteni la kampanjon.

Nigruletoj fariĝis la preferata deserto de la brazilaninoj ĝis hodiaŭ.



## Ingrediencoj

200 ml da kondensita lakto;

4 supkuleroj da polva ĉokolado;

1 supkulero da butero;

ĉokoladeroj;

muldiletoj.

## Kuirmaniero

Metu la kondensitan lakton, la ĉokoladon kaj la buteron en kaserolon, kuiru per milda fajro, movante per ligna kulerego ĝis la pasto malglueblas de la kaserolo.

Grasigu la manojn per butero kaj moldu globetojn el la pasto.

Ornamu la globetojn per ĉokoladeroj.

Metu unuope la globetojn en muldiletojn.



★